

# LA VERDA LUPEO

26-jaro



18(97) INFORMILO DE ELF-AREK- JUNIO 1994


# 30 JAROJ

*Korajn gratulojn al la*

## JUBILEO DE ELF







HERMANN HEISS

# HISTORIAJ NOTOJ DE ELF-AREK

*Esperanto-Ligo Filatelista (ELF) fondita la 6an de Julio 1964*

El la cirkulero de 16a de junio 1964, sendita de Hermann Heiss:

"Dum la UK 1963 en Sofio kunvenis E-istaj filatelistoj kaj decidis,fondi filatelan ligon. Tiun planon mi subtenis de komence, ĉar ŝajnas al mi necese, havi specialan E-organizaĵon, kiu fakkonscie pritraktas filatelajn aferojn ..."










La 15-an de julio Heiss cirkulere sciigis: "La 7 fonditoj estas: Heiss (D), Franke (US), Koĉvara (CS), Leciĉarov (BG), Wenclewski (PL), Heimlich (D) kaj Franc (CS)..."

Sekvis cirkulero 1/1964 kun la informo, ke letera baloto rezultiĝis elekton de prezidanto de ELF: Heiss (D) kun 10 voĉoj el 11 membroj.

Dum la 51a UK 1966 en Budapest la komitato de UEA akceptis ELF kiel kunlaborantan asocion.

La informilo de ELF ricevis la nomon: "LA VERDA LUPEO".




Post la UK en Kopenhagen 1975 ELF kuniĝis kun AREK (FENIKSO 32/33) sub gvido de Heimlich kaj Paulsson kaj ekde septembro 1976 aperas la komuna informilo "LA VERDA LUPEO/FENIKSO"...

Do, estas fakto, ke la 6-an de julio 1994 ELF fariĝas 30-jara. Ni tre ĝojas, ke ankoraŭ hodiaŭ estas inter ni la fondinto: Hermann Heiss, kiu jarfine de 1993 pensiuliĝis. Ankaŭ la kunfondintoj: Heimlich kaj Koĉvara daŭre estas aktivaj E-filatelistoj kaj kun ili multaj aliaj karaj geamikoj, kiuj jam tiam vigle agis por la E-filatelo. Al ĉiuj fidelaj "pioniroj" korajn gratulojn kaj salutojn!

(RB)

Necesa postparolo:
Antaŭ fondiĝo de ELF dum 10 jaroj ekzistis EKIK. Tiu organizaĵo pereis ĉefe pro neeltenblaj kvereloj, ankaŭ sur la paĝoj de la EKIK-gazeto.



# NI PRI NI

UK 1994 en Seulo

Nia Annie Wester sciigis, ke ŝi vizitos tiun UK kaj tre ĝojus, renkonti klubajn amikojn. Kara Annie, bonvole detale esploru la filatelan flankon de tiu UK kaj raportu pri tio al mi.

La redaktoro parolas:

Koran kaj sinceran dankon pro aktiva kunlaboro por tiu ĉi LVL al la geklubanoj: Hirsch, Dörfler, Wester, Sadier, Amouroux, Zhenxing, Jankowski, Piton, Ĉin Kajĝi, Zhang Linrui, Fekete, Mikulski kaj Mandrak. Bonvolu pardoni al mi, se ne ĉiam mi tuj respondis al viaj leteroj.

KOTIZO 1994

La kotizo por 1994 estas DM 26,-- (13 IRK) aŭ egalvaloro, pagebla al nia kasisto: Rolf Beau. La konton vi trovas sur la dorsflanko de nia LVL. La poŝtĉeka konto de li, lastfoje indikita dorsflanken de la LVL 12(91) ankoraŭ validas. Ĝi estas pagebla (prefere!) per nia UEA-konto: elfx-r.

Rimarko: Ankoraŭ ni atendas kotizpagojn por 1994 de pli ol 40 de niaj membroj. Normalkaze la kotizoj ĉiam estas pagenda en la lasta kvartalo de jaro por la venonta jaro. Estas bedaŭrinde, ke mi ĉiam pli kaj pli devas redukti eldonkvanton de nia LVL. Do, nun ne plu hezitu kaj pagu la kotizon por 1994.

Redakta fino de tiu LVL: 21-a de aprilo 1994.
La sekvontaj LVL aperos meze de oktobro kaj en decembro.
Numero 100 de nia LVL-(Fenikso) aperos komence de 1995!

NIA JANKOWSKI PROTESTAS!!

Nia kluba amiko Jankowski skribis: "...Mi PROTESTAS kontraŭ la falsa publigiko de miaj demandoj sub "Numismatiko" sur paĝoj 13/14 de LVL 17(96).5-sm-monero kaj 25-spesmila monero neniam ekzistis kaj mi ne skribis tion. 25-stelajn monerojn el arĝento kaj el kupronikelo mi posedas. Korajn salutojn H. Jankowski..."

Bv. pardoni, ke mi tiom malatente skribis pri via katalogo. Mi tre bedaŭras...Burmeister.

# ANONCOJ

Pollando

La E-Klubo de Gliwice okaze de sia 30-jara jubileo aperigis diversajn bildkartojn kun bildflanka E-aj surpresoj;

"30 jaroj de Pola Esperanto-Asocio en Gliwice 1961-1991.

Ili estas interŝanĝe haveblaj de nia nova membro:

Stanisław Mandrak, ul. Komoranow 39/16, PL-44-114 Gliwice.

Mandrak estas prezidanto de la loka E-klubo kaj delegito de UEA. Li preparas kun la loka Fila-klubo komunan ekspozicion. Por tio li serĉas ekspozaĵojn.

Rusio

Interŝanĝas E-materialojn kaj poŝtmarkojn de la estinta SU kaj nuna Rusio:
410038 Saratov - 38 (Rusio), ab. Jaŝĉik 3921, Ponomareva Galina.

# NI EN ALIAJ GAZETOJ

"Ĉina Filatelo" - Zhang Linrui

En "EPĈ" (4-94) legeblas sur paĝo 12:

> "Lastatempe la gazeto "Ĉina Filatelo" publikigis artikolon "Esperanto kaj filatelo", verkitan de Zhang Linrui, aperinta en la revuo "La Mondo" (ĉinlingva E-gazeto). La gazeto havas 17 milionojn da legantoj kaj pro tio multaj filatelistoj ekkonis Esperanton kaj ĝian rolon en la poŝta kampo..."

"Philatelie" - monata gazeto de la "Asocio de la germanaj Filatelistoj"

Tiu asocia gazeto de tempo al tempo raportas pri apero kaj enhavo de nia LVL en rubriko pri motiv-filatelaj laborgrupoj, kiuj aliĝis al la Germana Filatelista Asocio.

Iniciatis: R. Hirsch, kiu sendas al tiu asocio entute 23 ekzempleroj de nia LVL. Por 17 ekzempleroj tiu asocio pagas. Hirsch ĉiam kunsendas mallongigitan germanlingvan tradukon de la enhavo. La asocio distribuas nian LVL al la germanaj filatelaj landaj asocioj kaj filatelaj bibliotekoj kaj ankaŭ al la germana filatelista klubo de Nov-Jorko (US):

"Philatelie Francaise" -Amouroux

Oktobro 1993: riĉe ilustrita artikolo pri la ne okazinta UK 1914.
Februaro 1994: pri la UK 1934 en Stockholm (S). Ambaŭ kun multaj tre interesaj, parte ĝisdate nekonataj, filatelaĵoj.

En la pola fila-informilo - Mikulski

En la "Ilustrita Bulteno de la tema klubo Fervojo de Pola Asocio de Filatelistoj" aperis artikolo de Mikulski pri IFEF kaj en septembro pri GEF (germana fervojista asocio).

Hungara Filatela Revuo - Fekete

Junio 1993: artikolo pri: la "Unua hungara E-stampo antaŭ 75-jaroj
Oktobro 1993: artikolo pri: "Esperanto kaj skoltismo"
Decembro 1993: artikolo pri: Esperantlingvaj balonpoŝtaj kaj helikopteraj poŝtaj stampoj.

# STAMPOJ

Sekvos unue la listigo de la ĉinaj stampoj, uzitaj dum 1993. Klarigo de la en la listo uzitaj mallongigoj:

Ka-No: = kataloga-numero; LVL-no: numero laŭ LVL; NET = Ne-E-tema stampo; ET = E-tema-stampo.

Ne ĉiuj stampoj estas jam katalógitaj, do ne en la suplemento 1994.

| Ka-No | LVL-No | dato | urbo | NET/ET | temo | LVl |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 143 | 01 | jan 01 | Changshu | NET | Filatelo | 14/93 |
| 144 | 02 | jan 05 | Changji | NET | Jaro de Koko | 14/93 |
| 145 | 03 | jan 05 | Changshu | NET | Jaro de Koko | 14/93 |
| 146 | 04 | jan 05 | Haikou | NET | Jaro de Koko | 14/93 |
| 147 | 05 | jan 05 | Ma'anshan | NET | Jaro de Koko | 14/93 |
| 148 | 06 | jan 20 | Beijing | NET | Song Qingling | 14/93 |
| 149 | 07 | jan 20 | Haikou | NET | Song Qingling | 14/93 |
| 150 | 08 | jan 20 | Lanzhou | NET | Song Qingling | 14/93 |
| 151 | 09 | feb 20 | Haikou | NET | Kamelo | 14/93 |
| 152 | 10 | mar 15 | Haikou | NET | Popola Kongreso | 15/94 |
| 153 | 11 | mar 15 | Lanzhou | NET | Popola Kongreso | 15/94 |
| 154 | 12 | apr 30 | Haikou | NET | La Goo | 15/94 |
| 155 | 13 | apr 30 | Nanchang | NET | Goo | 15/94 |
| 156 | 14 | apr 30 | Qingdao | NET | Go-Ludo | 15/94 |
| 157 | 15 | maj 09 | Nanchang | NET | Sportkunveno | 15/94 |
| | 21 | maj 09 | Haikou | NET | Sportkunveno | 17/96 |
| 158 | 16 | maj 09 | Qingdao | NET | Sportkunveno | 15/94 |
| 159 | 17 | maj 15 | Qingdao | NET | Patriotaj Demokratoj | 15/94 |
| | 22 | maj 15 | Haikou | NET | Patriotaj Demokratoj | 17/96 |
| 160 | 18 | jun 15 | Qingdao | NET | Bambuo | 15/94 |
| | 23 | jun 15 | Haikou | NET | La Bambuoj | 17/96 |
| 161 | 19 | jul 07 | Beijing | ET | Sciencistaj Rondoj | 15/94 |
| | 24 | jul 20 | Haikou | NET | Pejzaĝoj | 17/96 |
| | 25 | aug 01 | Jiangmen | NET | Filatela Tago | 17/96 |
| | 26 | sep 04 | Haikou | NET | Sportkunveno | 17/96 |
| | 27 | sep 09 | Haikou | NET | Grotoj | 17/96 |
| | 28 | sep 10 | Beijing | ET | Per E al la Liberigo | 17/96 |
| | 29 | sep 21 | Haikou | NET | Abelo | 17/96 |
| | 30 | sep 23 | Changshu | NET | Olimpikoj 2000 | 17/96 |
| | 31 | okt 02 | Jiangmen | NET | Fila ekspo Mao | 17/96 |
| | 32 | okt 20 | Lanzhou | NET | Lakaĵoj | 17/96 |
| | 33 | nov 06 | Beijing | ET | E-isto Tikoŝ | 17/96 |
| | 34 | nov 16 | Beijing | NET | Mao | 17/96 |
| | 35 | nov 16 | Beijing | NET | Guo Moruo | 17/96 |
| | 36 | nov 16 | Haokou | NET | Mao | 17/96 |
| | 37 | nov 16 | Haikou | NET | Generalo Jang | 17/96+18/97 |
| | A | nov 16 | Beijing | NET | Dekora stampo sen indiko pri urbo. Datumita: 1993.11.16 kun ĉina teksto kaj en E: LA 101-A NASKIĜ-DATREVENO DE GUO MORUO | |

| LVL-No. | dato | urbo | NET/ET | temo | LVL |
|---|---|---|---|---|---|
| 44 | nov 22 | Haikou | NET | pentristo Zheng Banqi | 19/97 |
| 38 | dec 26 | Beijing | ET | Mao (kun portreto) | 18/96 |
| 39 | dec 26 | Beijing | ET | Mao (sen portreto) | 18/96 |
| 40 | dec 26 | Changsha | NET | Mao | 18/96 |
| 41 | dec 26 | Changshu | NET | Mao (kun ĉapo) | 18/96 |
| 42 | dec 26 | Changshu | NET | Mao (sen ĉapo) | 18/96 |
| 43 | dec 26 | Haikou | NET | Mao | 18/96 |
| 45 | dec 26 | Lanzhou | NET | Mao | sekvos |

TJ 1993 - 37 (vd. LVL 17(96)



YANG HUCHENG (1893-1949) estis generalo de Kuomintango. Li partoprenis en la revolucio de 1911 kaj estis prezidanto de la provinco Ŝenŝji. Je la 12a decembro 1936, influita de la kompartia politiko pri kontraŭjapana nacia unuecfronto, li kaj generalo Zhang Xueliang iniciatis la "Xian-Eventon", kaptis Cjang Kajŝek kaj devigis lin akcepti la politikon de kontraŭjapana unuecfronto. Detalojn eblas trovi en la E-libro "Moderna historio de Ĉinio laŭ Temoj", 68-a ĉapitro, paĝoj 131-134.

TJ 1993 - 44 (NET) Pentristo Zheng Bangiao (Haikou)



Haikou, 1993 novembro 22, teksto en la ĉina kaj Esperanto:

LA ELEKTITAJ PENTRAĴAĴOJ DE ZHENG BANQIAO

Bildo: enkandrita pentrajo

Uzita de PMK Haikou. Desegnis: Zhang Linrui.

Samtage MPT de PR Ĉinio emisis 6 poŝtmarkojn.

Zheng Bangiao (1693 - 1765) estis fama ĉina pentristo en la Qing-dinastio.

## LA "JARO DE HUNDO" 1994 (JIA XU)

Tiu ĉi lunkalendara jaro estas la antaŭlasta en la dudek-ciklo. Jen iuj faktoj el malnovaj ĉinaj kutimoj kaj moroj:

En la kamparaj regionoj la vilaĝanoj ĵetis paperajn hundojn en la riverojn. Tie ili murdu kaj forpelu la malbonajn fantomojn. Por protekti mortintojn kontraŭ fantomoj ili donace ricevis paperajn hundojn. Tre bonvena en vilaĝa domo estis apero de nekonata hundo: se ĝi restis en la domo, la sekva jaro alportis sufiĉe da rizo kaj bonstato.

Naskitoj sub la lunkalendara signo: HUNDO devus esti filozofoj, batalantoj por justeco kaj revoluciuloj sen intereso pri mono.

Zhang Linrui notis sur sia ornama koverto, ke tiu jaro simbolas kuraĝecon kaj progreson.




Memorkoverto sendita de ZLR (stampo TJ 94 - 01)

Nin E-filatelistoj interesas la poŝtaj stampoj el Changshu kaj Haikou. Ili ankaŭ estas kun E-teksto. Pri hundo-jaraj poŝtmarkoj mi ne eksciis. (Tutcerte aperis iuj).

Filatel-mortigan baton aranĝis ĉi-jare la ĉina poŝto. Por la Hundo-jaro aperis entute 126 tutaĵoj, inter ili 85 diversaj alpresoj de organizaĵoj kaj fabrikoj. Por akiri la tuton sub normalaj cirkonstancoj necesus proksimume 80 juanoj, tio estas 4/5-ono de monata salajro de ĉino.

Nia estimataj klubaj geamikoj, do, ne miru, ke ne plu venas de niaj ĉinaj klubaj amikoj tiuj belaj kaj ĉarmaj salutkartoj.

(Pri eldonkvantoj de la tutaĵoj mi eksciis la detalojn el la gazeto "Ĉina Filatelio".)

Dankon al Zhang Linrui pro la sendita memorkoverto el Ĉhangshu. Al Peng Jianjun pro la sendita hundajara pk-TUT kaj al Ĉin Kajĝi pro senditaj hundojaraj pk-TUT kaj detaloj informoj pri la ĉi-jaraj tutaĵoj.




Unu el la 126 tutaĵoj por la Hunda Jaro

TJ 1994 - 01 NET Hunda Jaro (Changshu)

Changshu, 1994 januaro 05. Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

LA HUNDA JARO

Bildo: Hundo kun vosto maldekstren (vd. supre)
Uzita de PTO Changshu. Desegnis: Zhang Linrui.
Dankon al vi pro la Hundojara koverto.

TJ 1994 - 02 (NET) La Hunda Jaro (Haikou)



Haikou, 1994 januaro 05.Teksto en la ĉina kaj E:

LA HUNDA JARO

Bildo: Hundo kun vosto dekstren.
Uzita de PMK Haikou.

Desegnis: Zhang Linrui.

TJ 1994 - 03 (ET) Samideano Eltunko (Beijing)




Beijing-Xiqu, 1994 februaro 01.
Teksto en ĉina kaj E:
LA 80-A NASKIĜ-DATREVENO DE SAMIDEANO XU SHOUZEN (ELTUNKO):
Bildo: portreto kun E-stelo kaj floroj.
Uzita de PMK Beijing-Xiqu.
Desegnis: Tan Ailing kaj Xie Shaoxing.

Eltunko naskiĝis en la urbo Zhenjiang (Jiangsu-provinco). Li eklernis Esperanton en la jaro 1934. Poste li gvidis multajn E-kursojn, fondis kaj redaktis plurajn E-gazetojn. Esperantigis multajn progresemajn kantojn, verkis artikolojn pri la nacisava movado.
Pro sia agado li estis enkarcerigita kaj en decembro 1949 mortpafita, laŭ la ordono de reakcia registaro. Tagon poste lia malliberejo estis liberigita.(Pri li legeblas ankaŭ ie en EPĈ...)

TJ 1994 - 04 (ET) Samideanino Deng Yingchao (Beijing)




Beijing-Xiqu, 1994 februaro 04.
Teksto en ĉina kaj Esperanto:
LA 90-A NASKIĜ-DATREVENO DE SAMIDEANINO DENG YINGCHAO:
Bildo: Portretoj de ŝi kaj Zhou Enlai (ŝia edzo), 9 floroj, datoj: 1904.2.4 - 1992.7.11 kaj 1925.8.8 (dato de ilia geedziĝo)
Uzita de PMK Beijing-Xiqu.
Desegnis:Tan Ailing kaj Xie Shaoxing. (vd. ankaŭ LVL 94, paĝo 4)

PMK Beijing-Xiqu uzis ankaŭ ne-E-an memorstampon kaj presigis memoran alpreson (nur en la ĉina) sur 10-fena poŝtkarto.

Dankon al ĈKG, kiu komisie de ĉina Filatelista E-Asocio sendis multe pli ampleksajn informojn pri la stampo.

Demando al GAO :

"... ĉu eble, dokumenti pri la 16 reguloj per E-filatelaĵoj.."

Kiu kuraĝas respondi? Eble jes, helpe de ofte multetekstaj ĉinaj

E-stampoj aŭ de PTO Jiangmen eldonitaj E-memorkartoj.

LASTMINUTE * LASTMINUTE * LASTMINUTE * LASTMINUTE * LASTMINUTE *









Ekzistas de ambaŭ stampoj du kliŝoj, n-roj: 1 + 2.




Aŭstrio 2 stampoj okaze de la 46-a IFEF-Kongreso en Krems

La aŭstria poŝto uzas okaze de la IFEF-Kongreso du diversajn stampojn. Ambaŭ estas dulingva. Krom la mencio de la kongreso, estas germanlingve atentigo pri la samtempa poŝtmarkekspozicio de la aŭstriaj fervojistoj. La dekstra stampo en la supra parto havas jenan germanlingvan tekston: Krems invitas al la Chremisia ´95. La maldekstra stampo montras la landkarton de Aŭstrio. La supra streko estas la Danubo kaj preskaŭ meze estas la kongresurbo Krems.

Italujo stampo de la Alp-Adrio-E-Konferenco en Triest




Dankon al nia kluba amikino Elda Dörfler, Triest (I) pro la senditaj informoj pri la uzo de tiu itallingva stampo dum tiu E-konferenco.




ALP-ADRIA ESPERANTO KONFERENCO
TRIESTE
de la 22-a ĝis la 25-a de aprilo 1994
*Ni bezonas ankaŭ vin!*







### 86-a FRANCA ESPERANTO KONGRESO

La 11.- 15.5.1994 okazos en Agde la franca Nacia Kongreso.

La poŝto uzas maŝinvarbstampon. Nia ekzemplero havas la daton: 18-2-94. Kiam ili komencis uzi tiun sta?

# AFRANKSTAMPOJ

E. LANTI
67-a SAT KONGRESO
Strážnice
16.-23. 7.
1994









### 67-a SAT-kongreso en Straznice (16.-23.7.94).

Krom la AF de kongresurbo, ankaŭ la sidejo de Ĉeĥa E-Asocio en Prag uzas en la afrankmaŝino kliŝon pri tiu kongreso.

# GLUMARKOJ

### Alp-Adrio 1994

Nia estimata klubanino Elda Dörfler pri ĝi informis:




"... 26.2.1994: Jus aperis glumarkoj por nia 6-a E-konferenco Alp-Adrio. Tiu okazos en TRISESTE, 22-25 aprilo 1994. La glm estas kun videblà gluo. Mezuro: 40x40 mm. 1 folio havas 5x7 = 35 glm. La granda "A" simboligas la Alpojn (montaro en Eŭropo). La tri ondoj kun nuancoj de blua koloro simboligas la Adriatikan Maron. Unu folio kun 35 glm kostas: DM 3,50..."

Koran dankon al s-ino Elda DÖRFLER pro alsenditaj informoj kaj la informilo de la Triesta E-Grupo: "LA ETA GAZETO" 1/94.




### 86-a FRANCA ESPERANTO KONGRESO 1994

Informo kaj alsendo de nia kolektamiko AMOUROUX.

Grandeco: 41x24 mm. Verda preso sur flava, memglua papero. Bildo: velŝipo, konstruaĵo kaj verda stelo.

La glm estas havebla per:

Charles Gerard Voincon, 4 rue du Docteur Rives, F-66 000 Perpignan. 2 folioj kun po 12 glm kostas: 10 FF + 3 FF por afranko (5 FF por ĝis 10 folioj).




### 49-a kongreso de SAT-Amikaro

Informo kaj alsendo de nia kolektamiko André Sadier.
Kongresloko: Kastele de Gressilon.
Tempo: 2.-4 aprilo 1994.
Bildo sur la glm: kastelo Gresillon
Bruna preso sur blua memglua papero.
Unu folio havas 2x5 = 10 glm.

# REKO-MARKOJ

Reko-markoj de Stockholm 1934

Nia amiko Hirsch trovis en aŭkcia katalogo de 1993 oferton pri Reko-marko por la 26-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO 1934 en Stockholm. La reko-marko kun la n-ro 38 montras mane aldonitan tekston kaj la pm estas stampita la 6an de aŭgusto 1934.

Jam antaŭ du jaroj nia Terttu Österman sendis koloran fotokopion de letero el tiu UK. La koverto montras reko-markon kun surstampita violkolora teksto pri la UK. La reko-marko havas la n-ron 52 kaj estis ekspedita al 9an de aŭgusto 1934.

# E-POŜTMARKOJ



Eldonkvanto de la ĉina E-pm.

Laŭ informo de nia GAO ZJENXING el Ĉingdao nia jubilea E-pm el Ĉinio havis eldonkvanton de 26 056 00 pecoj. Kiu el inter ni estas posedanto de tuta folio? Mia folio havas la numeron 303 429. Unu folio havas 80 pecojn. Bonvolu sciigi al mi la numeron de via pm-folio. Plej alta folia numero devas esti: 325 706..., tamen ankoraŭ mankus 20 pecoj el citita eldonkvanto. Kun pli ol 26 milionoj da pecoj temas pri E-pm kun la plej alta eldonkvanto. Aliflanke por pli ol 999 milionoj da ĉinoj tiuj 26 milionoj da pm ne sufiĉus, se ĉiu volas havi ĝin. Sed tiel ja ne estas.



# EL LA HISTORIO DE LA E-STELO

En la LVL ni iom pritraktis la akiraĵon de nia Jan NIEMANN lige kun la E-insigno. Por iom detaligi la aferon, jen ekstrakte artikolo de Amouroux, kiu aperis en "Heroldo de Esperanto" 6/1992. Li kopie sendis ĝin al mi kun kelkaj interesaj fotokopioj:

"...Ja al Louis Beaufront (Louis Chevreux ĝustanome)apartenas la propono pri verda stelo kiel esperantista simbolo, aprobita de d-ro Zamenhof ("Esperantisto" de 1893, paĝo 47). Cetere Beaufront alprenis kvinpintan stelon sur verda kovrilo jam en 1892 por sia franclingva traduko de rusa lernolibro de d-ro Esperanto.

La unua, kiu ĝin fabrikis sub formo de surpersone portebla insigno, estas Estono: Hermann Stahlberg, oraĵisto-juvelisto.




René Lemaire , plej proksima kunlaboranto de Beaufront kaj sekretario de la Societo por la propagando de Esperanto, en franclingva artikolo, titolita: "Nia insigno", ĝin priskribas en "L`Esperantiste" de februaro 1900. La insigno de Stahlberg estis 20 mm ronda, blanke emajlita kun verda kvinpinta stelo en la centro. Sur ĝi estis skribita la vorto ESPERANTO, orumita, same kiel estis orumitaj la kruciĝantaj palmoj de la medalo; montrita sur paĝo 11 de "50 jaroj kun Paul Nylen" de Jan Strönne. La insignoj estis el arĝento aŭ bronzo.

La jaro 1900 estis la jaro de la Universala Ekspozicio en Parizo.





EXPOSITION DE 1900. - SECTION RUSSE AU TROCADÉRO

En la supre menciita artikolo R. Lemaire kaptis la okazon por emfazi pri neceso de insigna rekonilo. Ja diversnaciaj esperantistoj estis atendataj - kaj venis - al Parizo. La rusa Pavilono lasis sufiĉe da spaco por ekpozicio al la rusa esperantista Societo "Espero" (Enciklopedio de E., p.145).

Tie, la unuanfojon, samtempe sin renkontis diversnaciaj Esperantistoj.

Sekva okazo, por ke sin retrovu esperantistoj en diversnacia etoso, estis la praa internacia kongreso en Calais-Dover (1904) kiel plugilo de pli modesta renkontiĝo la antaŭan jaron en Le Havre Dumkongrese, diskuto estis pri elekto de esperantista insigno kaj alprenita estis la jena decido: "La insigno de rekono por la esperantistoj, kiun oni rekomendas por la kunvenoj, vojaĝoj k.s., estas la verda kvinpinta stelo". Kroma decido estis, laŭ propono de Alfred Micheau, inviti la tutmondajn esperantistojn kaj d-ron Zamenhof al Bulonjo ĉe Maro en 1905.

Koncerne la insignon, mi volas fine diri, ke juna franco, EMILE GASSE el Le Havre, esperantisto de 1900, ne preteratentis la kunvenan decidon, partoprenis en la bulonja kongreso kaj registris sian propran modelon de esperantista insigno plej konata, antaŭmilite, sub la nomo "signo Gasse".

Jean Amouroux


Marko registrita Marque déposée

Emilo GASSE

# VARBADO POR ARANĜOJ

No 66
POSTES, TÉLÉGRAPHES ET TÉLÉPHONES
PARIS
Envoi du Bureau des Chèques Postaux DE PARIS

Un voyage gratuit à STOCKHOLM
Vous est offert à l'occasion du
26e CONGRÈS UNIVERSEL
de
l'ESPERANTO
(une semaine de séjour)
AOUT 1934

Demandez de suite le règlement du CONCOURS qui comportera de nombreux autres prix

Concours simple et amusant RÉSERVÉ aux Personnes n'ayant jamais appris l'ESPERANTO

Ecrivez-nous dès aujourd'hui à
"La MAISON de l'ESPERANTO"
24, rue Saint-Victor - PARIS (5e)
en joignant à votre lettre deux timbres de 0.50

Publicité Bertio - 12, Rue Armand-Moisant - Paris-15e

Esperanto-reklamo sur poŝtĉeka koverto, Paris 1934.

La germana fila-gazeto "philatelie" (feb.1994) asertis: "...Reklamo-surpresoj sur, francaj) poŝtĉek-kovertoj aperas 1934 nur sur tiuj de la poŝtĉeka-oficejo Bordeaux ...". La hazardo volis. ke en sama monato kaj jaro en la franca fila-gazeto "La Philatelie Francaise" el la plumo de nia Amouroux aperis artikolo pri la 26a UK 1934 en Stockholm. Inter la ilustraĵoj videblas kopioj pri poŝtĉeka koverto de poŝtĉeka oficejo Paris el 1934 kun reklamo pri la la 26a UK en Stockholm.Temas pri konkurso kun premio de partopreno en tiu UK. Mi ne regas la francan lingvon kaj ne kuraĝas ĉerpi faktojn el tiu sendube interesa artikolo. Se min atingus traduko, volonte mi ĝin prenus por nia LVL.

Dankon al nia Amouroux pro la alsendo de kopio kaj ĉi-loke ankaŭ al nia Hirsch pro la alsendo de almenaŭ 5 kg da aktualaj germanaj fila-gazetoj. El ili mi ĉerpis multajn interesajn faktojn, ankaŭ utilaj por nia E-filatelio.

# CENZURO POST 1945 EN BR

Cenzurita E-poŝto el Brazilo el la jaro 1945




Nia James Rezende Piton akiris brazilan cenzuritan Esperantaĵon kaj skribas pri ĝi: "...La nuliga datstampo estas la 16-a de aprilo 1945, la unua tago de la 2 E-pm omaĝe al la 10-a brazila E-kongreso. Adresflanke la E-sta estas en




verda koloro, dorsflanka stampo en ruĝa koloro. Sur bonege konservita kontrolstrio oni vidas federacian blazonon kaj legas: "Ministerio pri Transporto kaj Publikaj Laboroj / Departemento de Poŝto kaj Telegrafo / S.P. (Publika Servo)" kaj: "MALFERMITA DE LA CENZURO!. Malantaŭe estas stampo de alia poŝta sekcio en la sama tago kaj kuriuzo rivostampo: D.P. (Regiona Direktorejo) "Aera Servo ABR (aprilo) 19 1945 / Natal, Rio Granda do Norte". La viola stampo havas la literojn: "Rn (ŝtato R.G. do Norte) kaj verŝajne cenzuristan numeron 1287. Dankon al nia kluba amiko Piton pro la senditaj informoj.

## SKOLTA E-LIGO

Fondita 1918 en Anglujo kaj estas ankoraŭ hodiaŭ aktiva. Nia Istvan FEKETE partoprenis en la jaro 1933 la IV-an skoltan mondĵamboroeeon en la hungara urbo Gödöllö. Li estas membro de la skolta taĉmento 177 kaj memoras, ke ĉirkaŭ 200 skoltoj-esperantistoj deĵoris en Gödöllö. Entute partoprenis 20 000 skoltoj el la tuta mondo. Por nia Fekete la partopreno estis la unuaj paŝoj en nia Esperantujo. Li estis tiom impresita pri la interkompreniĝa povo de Esperanto, ke li fariĝis fidela esperantisto.

La fondinto de la skoltoj estis la Lordo Baden Powell Li estis simpatianto de Esperanto kaj rekomendis al la skoltoj lerni E-on.

UEA siatempe eldonis "memorfolion" por tiu ĵamboreo, ekzistas pri ĝi ankaŭ porokaza E-glumarko.















Okaze de la 75-jara Jubileo de la Skolta-Movado la franca poŝto emisiis poŝtmarkon kaj dekoran Unutagan Koverton.

°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°°

PREZOJ * PREZOJ * PREZOJ * PREZOJ * PREZOJ * PREZOJ * PREZOJ * PREZOJ *

Hirsch-informoj pri prezoj:

"...De tempo al tempo mi volas informi vin pri aktualaj prezoj por Esperantaĵoj el aŭkciaj katalogoj kaj el aliaj fontoj. Mi estus danka, se ankaŭ vi sendus al mi informojn el viaj landaj aŭkciaj katalogoj. Miaj informoj enhavas el la ELF-AREK-katalogo: la paĝonumerojn/la katalog-numerojn/kaj la prezojn en DEM, parte ankaŭ en US$ kaj IRK. Unu IRK momente valoras DEM 2,--...:

Stampoj: A 7 = DEM 60,-- / D 1-2 = DEM 70.-- / NL 1 = 60,--

Poŝtmarkoj: La katalogoaj prezoj (kp) estas en Michel-Mark (MM), tio estas bazaj prezoj por interŝanĝado. La prezoj ĉiam dependas de la aspekto kaj stato de la pm. Mallongigoj: nu = ne-uzita; u = uzita (vere poŝtvoje sendita); Mi = Michel-Katalogo.

300 Dinaroj de Triesto B:

PM-Katalogo, paĝo 28, Mi-Nr: 108, kp: MM 1.100,-- (nu + u)
DM 500,-- = 250 IRK

TUT-PK: SU

Paĝo 28: V 34 (ŝparkaso), MI-nr: P 84, MM = 4,-- (!!)
nu DM 90,--, u DM = 90,-- = IRK 45

Paĝo 52: V 114 (Torgsin), MI-Nr: P 114, MM = 2,,- (nu)
DM 60,-- = 30 IRK

Paĝo 32: VL 9/35 (sp: Kirgiza laboristo)
DM 160,-- = 80 IRK

Mallongigoj: V: numero el la TUT-katalogo de Vana, VL = Lokaj surpresoj (sp) laŭ la Vana - katalogo.

Brazilaj stampoj el la tempo de 1934 - 1937

Tiuj stampoj grandparte nur estas troveblaj sur multekostaj cepelinaj poŝtaĵoj. Kiel ekzemplo la brazila stampo 2 V sur koverto, sendita per cepelina poŝto:




La prezo por tiu koverto estas: US$ 325,-- = DM 570,-- = 285 IRK

Alia koverto kun la sama stampo kostas: US$ 475 = DM 745,-- = 373 IRK.

Resume: Rigardinta la prezojn, vi ĉiam devas konsideri du faktojn:

1e Parte, eĉ grandparte, la prezoj ne estas fiksitaj laŭ la Esperantaĵoj, sed laŭ aliaj faktoj. Vidu supre kaj ankaŭ la pm de SU kun la surpreso de "Alexanderstadt".

2e La aŭkciaj domoj kaj pm-vendistoj tute ne estas informitaj pri la valoro, respektive raraĵeco de Esperantaĵoj. Tamen ekzistas esceptoj.

Informilo de ELF-AREK
Esperanto-Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaj-Kolektantoj
*Offizielles Organ der ArGe Esperanto (laborgrupo Esperanto) im (en la) BdPh (Germana Filatelista Asocio)*
<><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><>

| | | |
|---|---|---|
| *Redakcio ĉe:* | *Rudolf Burmeister,* | *Max-Müller-Str.62<br>D-09123 Chemnitz* |
| *Prezidanto:* | *Ivar Paulsson,* | *Skytteholmsvägen 29<br>S-17144 Solna* |
| *Kasisto:* | *Rolf Beau,* | *Jacobstr. 9<br>D-04105 Leipzig* |
| *Banko:* | Sparkasse Leipzig, Konto-No: 309 022 320<br>Bankkodnr(BLZ): 860 555 92 | |

***Kotizo ek de 1994: DM 26,-- /13 IRK***

| | | |
|---|---|---|
| *Stampobanko:* | *Werner Heimlich,* | *Fröbelstr. 4<br>D-29614 Soltau* |
| *Kompostis+ ekspedis* | *Richard Hirsch,* | *Lambertstr. 12<br>D-36251 Bad Hersfeld* |
| *Presado:* | *Albert Oesterle,* | *Hubertusstr. 28<br>D-86650 Wemding* |